




6/2003
Oktobro/Novembro
Bulteno de Hamburga Esperanto Societo r. a.


Partoprenantoj el Francio, Ĉinio, Latvio kaj Germanio studas historian mapon.

# Hamburga Somero 2003

De la 17a ĝis 25a de Julio 2003 okazis internacia renkontiĝo en Hamburg. Sub la nomo Hamburga Somero okazis, antaŭ la UK en Svedio, eksterordinara turisma programo, kiu montris aliajn vidindaĵojn kaj ofertis aliajn aktivaĵojn ol la kutimaj ĉiĉeronoj.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidantino:
Dr. Vesna Stanicic-Burchards

**Karaj legantoj,**
nun la somero pasis kaj ĉiuj, kiuj vojaĝis jam revenis kun valizoj plenaj je memoroj pri travivaĵoj kaj novaj spertoj.
Sed ankaŭ tiuj el ni, kiuj ne vojaĝis, ne devis enui hejme:
Laŭ iniciato de Gerald Roemer estis organizita la 1a Hamburga Somero en kiu ankaŭ partoprenis multaj klubanoj,

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Hamburg@Esperanto.de

Redaktofino de

Esperanto HAMBURG

n-ro 1/04: 15-11-2003

kaj en la laboro kaj en la ĝuado. (Legu sube)
Alia "Somera Programo" okazis en la Esperanto-Domo: Grandaj konstru-laboroj turnis la kluban salonon en ĥaoson - laŭaspekte.
Tamen estis precize planita sinsekvo de la laboroj ĝuste en la somera tempo, kiam la klubejo ne estas multe frekventata.

*Benno Klehr*

**Sentenco**
Vivanta
klubo
konstruas.

*ŝtelita de urbo Hamburg*

## Mortis Henning Hauge

La vivkunulo de iama membro, Sabine Darbellay (tiam Meyer) el Friedrichstadt, mortis en trafika akcidento en nova aŭto. Laŭ informo de Christian Darbellay, li havis koratakon dum veturado. Sabine ankaŭ vundiĝis pro la akcidento kaŭzita de tio.

**Hamburga Somero 2003**

La 17an ĝis la 25a de julio 2003 unuafoje okazis "Hamburga Somero (H.S.)" kiel renkontiĝo antaŭ la UK. Vere la suno brilegis la tutan tempon kaj pravigis la titolon. Organiza teamo de la loka Esperanto-klubo, de "Hamburga Esperanto- Societo" (HES) ofertis diversajn aranĝojn ĉiutage - ne en unu ejo, sed ĉe vidindaj kvartaloj kaj lokoj de la grandurbo Hamburgo. La partoprenantoj povis laŭplaĉe kuniri - aŭ turistumi mem aliloke, sed preskaŭ ĉiuj ĉiam ĉeestis,



kaj je la fino senescepte laŭdis la programerojn. Estis internacia partoprenantaro, de Albanio, Ĉinio, Francio, Hispanio, Islando, Japanio, Kroatio, Latvio, Polando kaj de Germanio, inkluzive la Hamburganoj estis 50 personoj. Ĵaŭde ĝis dimanĉe ni gvidis ilin informante pri historio, kutimoj kaj lokaj specialaĵoj, tra la urbocentro kaj la proksima haveno, al la dimanĉa frumatena (!) fiŝmerkato, kaj la granda lago "Alster" situanta meze en la centro de Hamburgo. Lunde dum la "tago de la sciencoj" estis vizito al "DESY" - granda internacia sinkrotona esplorcentro, kie oni esploradas partiklojn - kaj al la botanika ĝardeno. Marde multaj, eĉ pli ol 70 jaraĝa japano, bicikladis sur digoj, apud rivereto j, tra la "legomĝardeno" de Hamburgo, vespere oni vizitis la faman tute ne sanktan amuzkvartalon "Sankta Pauli". Celo de la tuttaga ekskurso estis Lüneburg, 60 km sudoriente de Hamburgo, urbo kiu riĉiĝis en la mezepoko pro salominejo, abundas je pitoreskaj malnovaj domoj. Tiun vesperon allogis festo kun akrobatoj apud kanalo, akvo-lumo-koncerto en parko kaj subĉiela kinejo. Ĵaude ni vizitis doganan muzeon - kie lerte gvidis esperantistino laboranta tie - kaj la ekkonstruatan ege modernan havenan kvartalon borde de la larĝa rivero Elbe.



Dum la lasta tago ni travagadis la urbokvartalon "Ottensen", kiu havas specialan etoson pro multaj tie vivantaj eksterlandanoj, speciale turkoj, ni ankaŭ rigardis kiel utiligi malnovajn fabrikojn por kinejo, muzikhalo kaj oficejoj - kaj kompreneble manĝis en turka restoracio, subĉiele ĝuante la varmegan someron. HES ankaŭ organizis specialan programon por la H.S. en sia klubejo situanta proksime de la urbocentro. Okazis tie interkona vespero, kaj koncerto de la hamburga kantisto Ralph Glomp. Li prezentis sian novan CD, "Ĵus per kares'" - kiun eblis ankaŭ aŭskulti dum UK Gotenburgo. La adiaŭa vespero por la partoprenantoj estis samtempe la somera festo de HES kun bufedo, la klubejo estis plena de esperantistoj kaj oni festis ĝis malfrue en la nokto.
Sepope ni organizis kaj multaj aliaj helpis. Malgraŭ ne spertaj multaj de la organizantoj komence estis, fine ĉiuj estis ege kontentaj je la rezultoj, kaj la partoprenantoj postulis daŭrigon....
Cetere: Bildojn de la aranĝo eblas rigardi en www.aliaflanko.de/foto.

*Mariko Aoshima / Gerald Roemer*

---

**Nia programo**

| Oktobro 2003 | Novembro 2003 |
|---|---|
| **2** Diskuto:<br>*La Ŝanĝoj post '89*<br><br>**9** *Sylwia Pöhlmann:*<br>**Naciismo en Pollando**<br><br>**11/12 Seminario (sube)**<br><br>**16** *Werner Bormann:*<br>**HES antaŭ 40 jaroj**<br><br>**23** *Peggy Ley:*<br>**Czeh-Metodo**<br><br>**30** *Kerstin Baasch:*<br>Ludvespero<br>**"Kio mi estas?"** | **6 Lingvaj Ludoj**<br>*Jürgen Wulff:*<br>**Hipnotaj lingvoskemoj**<br><br>**13 Preparvespero**<br>**por Zamenhoffesto**<br><br>**20** *Werner Bormann:*<br>**GEA antaŭ 40 jaroj**<br><br>**27** *Ralph Glomp:*<br>*Antaŭ-Kristnaska*<br>*Koncerto*<br><br>**Decembro 2003**<br>**6 Zamenhoffesto**<br>**komenco: 19 h** |
| **Seminario**<br>pri sukcesa mastrumado<br>11a kaj 12a de Oktobro 2003<br><br>Kursoj<br>Sabato 14 - 18 h:<br>Kiel efike purigi teleraron,<br>meblojn kaj ĉambrojn<br>Dimanĉo 10 - 16 h:<br>Kiel racionale kaj ergonimie<br>ordigi la domon<br>Kostoj (kun tagmanĝo) € 3,50<br>Bonvolu anonciĝi baldaŭ ĉe:<br>Benno Klehr, Tel. 43188347 | Historia Serio<br>de Werner Bormann<br><br>En 1960 Werner Bormann venis al Hamburg, kaj do estas unu el la plej malnovaj aktivaj membroj de HES kaj internacie sperta kompetentulo.<br>Survoje al la 100jara jubileo de HES li nun donas al la pli novaj movadanoj la eblecon, informi sin pri tiuj jardekoj, kiujn ili ne mem spertis en la movado.<br>Kaptu la okazon! BK |

---

Saluton! --- Vetero varma, programo ĉarma..

**Hamburga Somero en julio.**

Antaŭ iom pli ol unu jaro kelkaj Hamburganoj ricevis ideon montri al la travojaĝontaj partoprenontoj de UK en Svedio nian urbon. La ideo ekplaĉis al la klubanoj kaj ni komencis prepari la aranĝon.
Kvankam nia grupo nombras nun iom pli ol 30 membrojn ni decidis ekde 17-a de julio ĝis la 25-a de julio organizi la renkontiĝon sub la nomo "Hamburga Somero".




Antaŭ la fervoja stacio en Lüneburg

Nia iniciativo estis bone akceptita de la esperantistaro. Komence ni ricevis perrete pli ol 10 aliĝojn kaj sumsume la aranĝon kaj nian Someran Feston partoprenis pli ol 30 samideanoj de Albanio, Aŭstrio, Ĉinio, Danlando, Francio, Germanio, Irlando, Islando, Japanio, Kroatio, Latvio, Pollando kaj Slovenio kaj kompreneble preskaŭ ĉiuj membroj de la klubo. La aranĝo komencis pere de tagmanĝo por la gastoj kaj dum 8 tagoj hamburganoj gvidis niajn gastojn tra la urbo.

La programo inkluzivis la viziton en la fizika esplorejo DESY, la gvidado tra la urbo kaj montrado de diversaj vivmanieroj de la Hamburganoj (ekz. la vizitado de riĉa kvartalo Blankenese, la amuzkvartalo St. Pauli kaj la alternativa kvartalo Schanzenviertel) kaj vizito en haveno kaj en dogana muzeo. Ni ankaŭ komune esploris la ĉirkaŭaĵojn de Hamburgo. Okazis bicikla ekskurso al Vier- kaj Marschlande kie viziteblas u.a. la iama koncentrejo Neuengamme. Merkrede la 23-an de julio ni ekskursis al la malgranda, pitoreska urbo Lueneburg kie ni vizitis la preĝejojn kaj la muzeon pri salo.



La distra programo ankaŭ ne mankis. Ralph Glomp amuzigis nin per kantado de esperante tradukitajn germanajn t.n. "Ŝlagrojn" kaj la lastan vesperon okazis Somera Festo kun granda bufedo kaj programeroj. La partoprenantaro poste komune kunvojaĝis al la Universala Kongreso. La aranĝo plensukcesis. Kaj oni povas diri ke eĉ la ĉielaj potenculoj ŝatas la Hamburgajn esperantistojn. Ni dum la tuta aranĝo (krom la lasta vespero) havis bonan veteron, kio en Hamburgo ne ĉiam estas komprenebla.
Kaj la Hamburgaj klubanoj jam pensas pri la centjara klubjubileo kiu okazos verŝajne en majo 2004.

*Sylwia Pöhlmann*

---

**Konstruado en la Esperanto-Domo**

La novaj necesejoj jam estas pretaj por uzado. Nun la enirejoj al virinaj kaj vira necesejoj troviĝas unu apud la alia, fine de nova koridoro. Sur la muroj estis metitaj kaheloj, la ekipa□estis tute nove instalita. La malnovaj tuboj el plumbo estis forigitaj kaj estis metitaj tuboj el kupro.
Ankaŭ la enirejo al la kluba salono ŝanĝiĝis. La koridoro nun estas pli larĝa ol antaŭe, por pli facile pasi. La tuta suba etaĝo nun havas kahelojn el bruna grejso (dura ceramikaĵo) sur la planko. Krome ni nun havas novan malgrandan ĉambron, kie ekz-e povos tranokti gasto.





Malnovaj kaj novaj necesejoj por viroj



Malnovaj kaj novaj necesejoj por virinoj. 


Enirejo malnova (maldekstre) kaj nova (dekstre)

---

**Finow-Kanal-Kunveno 20.-22.06.2003**

La duan fojon en Naturamika Domo Üdersee okazis Esperantista kunveno kun partoprenantoj el al regiono Barnim (Eberswalde) kaj Hamburg.
La Sabata tutaga ekskurso teme okupiĝis pri la regiono: Sub kompetenta gvidado estis vizititaj kelkaj interesaj lokoj, kie oni povis lerni, kiel la glaciepoko formis la pejza kun multaj lagoj, sablo kaj ŝtonoj. Ankaŭ la vivo kaj la kulturo de la homoj vivantaj tie estis influita de tio. Dum multaj jarcentoj oni elfosis glaciepokajn ŝtonojn, prilaboris kaj vendis ilin en la proksiman ĉefurbon por konstruado.
Por ebligi la transporton, estis konstruita kanalo, jam antaŭ kelkaj jarcentoj. Tiu kanalo, la Finow-Kanalo, estis temo de la Dimanĉa prelego. Post la prelego eblis, mem rigardi la malnovan kanalon kaj ties novan anstataŭanton: Oder-Havel-Kanal. La vojaĝo tra la 36 m alta ŝiplevatoro en Finowfurt estis la kulmino de la ekskurso. La pli ol 70jara konstruaĵo estas vere impresa. Tamen por modernaj ŝipkombinoj ne sufiĉas la malnova 90 m longa levatoro. Nun oni komencas konstrui novan ŝiplevatoron paralele, kun 120 m, por plifaciligi la transporton de ekz. Pola karbo al Berlin. Tamen oni povas dubi ĉu indas...
Krome okazis kelkaj diskutoj pri diversaj temoj, i.a. pri GDR kiu ne estis iama GDR sed fakte GDR, aŭ pri mankoj en la Esperanta vortaro, aŭ pri kuracaj herboj kiel hiperiko.
En trankvila etoso, tuj apud lago, kie eblas naĝi kaj boatumi, estis vere agrabla semajnfino en (malgranda) Esperantista grupo.

*Hannelore Brunow kaj Benno Klehr*

Re al Esperanto en Hamburg